XXIIa jaro. № 307 (3) ☆ Monata ☆ Marto 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |

ENHAVO



# Paska kunveno en Locarno.

## Komuna Laborkunveno de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado kun la reprezentantoj de la naciaj kaj fakaj societoj, la komitatanoj kaj ĉefdelegitoj de UEA okazos je Pasko en Locarno.

Tiun ĉi jaron C. K. decidis ne kunvoki iun Teknikan Konferencon, ĉar la plimulto opiniis, ke nia movado kreskas pli rapide ol niaj internaj fortoj kaj tial ni antaŭ ĉio egaligu ambaŭ ritmojn per pli metoda koncentrigo.

Sed montriĝas sufiĉe grava la manko je interkongresa renkontiĝo de niaj ĉefaj organizantoj. Ĉiuj estas tre okupataj, malmultaj trovas tempon korespondadi, tro multaj eĉ tute ne respondas urĝajn demandojn. ¡Buŝa interparolado pli kaj pli necesiĝas.

Aliflanke en niaj someraj kongresoj ŝajnas eksterordinare malfacile trovi kelkajn horojn por kunsidi iom trankvile. Ĉiuj estas allogataj per tro multaj diversaĵoj. Diskutoj tro rapidigitaj foje naskas erarkomprenojn, kiuj perdigas valoran tempon pro posta klarigado letera. Ankaŭ la organizaj problemoj, je kiuj la esperantistaro estas pli ol sata kaj laca, ĝis nun formanĝis tro grandan parton de niaj kunsidoj.

La nuna C. K. celis ilin finsolvi kaj flankenlasi por doni la unuan lokon al pli urĝaj kaj gravaj propagandaj aferoj. En tiu kampo ni bezonas pli da metodo, pli da regula kunlaborado kaj ĉefe pli bona preparado per akurata dokumentaro kaj statistiko.

Bonaj ideoj ne mankas, sed estas necese elekti inter ili, apliki unu post la alia kaj neniam sen minimuma preparado. Tial antaŭ ol decidi novajn paŝojn, C. K. bezonas scii kion la naciaj societoj kaj UEA estas pretaj entrepreni aŭ partopreni.

Rilate al internaj aferoj du anoj de C. K. kaj la estraro de K. R. devas esti rebalotataj. Fine du naciaj societoj proponis ŝanĝon de regularo. Antaŭ ol voĉdoni skribe, estas bone kaj laŭstatute interparoli unue.

Tial C. K. interkonsente kun la prezidanto de K. R. kunvokis komunan laborkunvenon kun UEA en Locarno je Pasko. Ĝi malfermiĝos Sabaton vespere 3 Aprilo je la kvina en la salono, kie subskribiĝis la fama packontrakto inter Germanujo kaj la okcidentaj Potencoj, ĝi daŭros ĝis Mardo 6 vespere kaj K. R. havos apartan internan kunsidon tiun tagon. (Vidu la laborprogramon paĝo 63.)

Kiuj ŝatas simbolecon, tiuj rimarkos, ke neniu interpaca spirito povas disvastiĝi nur el paperaj kontraktoj inter ŝtatoj. Por ke la spirito akompanu la literon kaj la vera reamikiĝo efektiviĝu inter la popoloj, necesas instigi la rektan interkompreniĝon, kiun celis D-ro Zamenhof. Por akceli lian planon ni kunvenos.

Tiu kuraĝiga ideo kaj la belega suda printempo ĉe la bordo de l' Lago Maggiore allogu al Locarno ĉiujn niajn gvidantojn por komuna konsiliĝo kaj refreŝiĝo.

*Edmond Privat.*



## SOCIA VIVO



# Por kompreni Hindujon.

De *Liang-Ĉu-Vaj.*

En la lasta numero de nia kara gazeto „Esperanto" aperis raporto pri prelego de franca intelektulo pri Hindujo. Tie temis nur pri politiko, partioj, batalo ktp. Ĉu tio estas la tuta Hindujo? Certe ne. Ĝi estas nur unu aspekto, eĉ unu malgranda, de tiu vasta mondo de tricent milionoj da homoj, kiuj vivas en la granda sudazia duoninsulo.

Antaŭ kelka tempo, en eŭropa hejmo, hinda gasto partoprenis la tagmanĝon. Oni parolis pri la manĝaĵoj, pri sportoj, pri politiko, pri komerco, industrio, kareco de la vivo, mondanvivo, skandaloj. Plej multe li silentis. La hejmestrino plendis, ke li ne manĝas abunde. Subite li demandis ŝin: „Sinjorino, kion vi opinias pri senmorteco de l' animo?" Ĉiu restis frapita. Neniu atendis tiun demandon. Malmultaj eĉ iam pripensis la temon.

Nu, tuta Hindujo similas tiun gaston. Ducent-tridek milionoj da hinduoj kaj sepdek milionoj da mahometanoj vivas tie kaj por ili la ĉefa afero estas: *religia pripensado.* Inter ili vivas apenaŭ ducent mil eŭropanoj, oficistoj, oficiroj, militistoj, komercistoj, kies ĉefa zorgo certe estas nek religio, nek filozofio.

La hindoj kutimas je sia senlima, majesta arbaro, senlace kaj pacience rekreskanta super antikvaj homaj konstruaĵoj. Ili havas multan tempon, malmultajn bezonojn. Kredo je sinsekvado de vivoj forigas la febran urĝecon en la nuna ekzisto. La hindoj pripensadas.

Okcidentanoj ŝajnas al ili nuraj materialistoj, vendistoj, buĉistoj, maŝinistoj, avidaj je povo, gajno, bruo, ĉiam rapidantaj, neniam pensantaj pace kaj trankvile. Ilin timi ili povas, sed ĉu respekti profunde?

Fluas la blua Gango sub arda suno. Miloj da homoj kaj homidoj banas en la purigaj ondoj. Dormas la malnovaj temploj kun blankaj kolonaroj. Ardas hela suno super milkolora naturo. En arbaroj profundaj zumas mondo bestara. Pasas horoj, pasas tagoj, pasas jaroj kaj centjaroj for. Generacioj venas, generacioj iras. La hindaj popoloj vivas kaj pripensas.

Ĉe ili nek unu minuto, nek unu longa vivo tera kalkuliĝas kiel multe. Kio estas vivo? Kio estas tempo? Kio estas kaŭzo de ambaŭ? Kion signifas nia penso pri ĝi?

Venas benita vespero kun mildaj aromoj. Alflugas nokto sub ĉielo mirinda. Milionoj da steloj svarmas supre. Ĉu homoj vivas sur ili? Kio estas nia propra mondeto inter tiuj mondaroj senfinaj? Kial ekzistas ni? Kiu kreis la tuton? Kion ĝi celas? Pensas la hindo profunde.

Dume la eŭropano dancas, ludas, laboras aŭ kalkulas, ĉiam aganta, ĉiam faranta ion. Pripensi li timas. Rigardo al la senlima stelaro en ĉielo rompas al li la kapon. Ĉu la animo estas senmorta? Eble. Tion priparolos la pastro dimanĉe. Sed dume urĝas igi la nunan vivon komforta. Poste oni ja vidos.

Inter ambaŭ homspecoj regas diferenco vasta kiel dezerto, profunda kiel maro. La pli materialistaj regas per tekniko, per mono, per armiloj. La pli spiritemaj jam liberiĝis anime. Iam eble la korpoj sekvos, sed ili ne urĝos, neniam urĝas, ĉar la penso jam venkis.

Okcidento kaj Oriento ne ĉiam batalos. Venos ankaŭ tempo kiam ili lernos unu de la alia. Sciencon, ekonomion, administradon, materian civilizon okcidentanoj povas instrui, do pri ĉio ekstera. Sed pri ĉio interna ili scias malmulte kaj povas lerni de la hindoj kaj orientanoj ĝenerale. Kiel trovi forton en si mem. Kiel nutri sian animon. Kiel koni kaj regi sin mem. Kiel mastri la eksterajn batojn.

Eble venos tempo kiam la Oriento povos mem profiti la bonaĵojn de scienco kaj tekniko kaj la Okcidento vivi iom malpli urĝe, malpli febre, malpli materie kaj reveni al saĝeco, pensado kaj admiro je belo. Nia interkompreniga lingvo Esperanto tion eble helpos. Eble ankaŭ la internacia universitato de Rabindranath Tagore en Santiniketan. Riĉa estas la gajno de tiu, kiu lernas, ĝoja la koro de tiu, kiu amas, diris la hinda saĝulo.

## Kiel vivas amerikaj miliardulinoj?

El la taglibro de la sekretariino de Chicago'a bankista edzino.

Estas tute ne tiom facile, esti miliardulo en Ameriko kiel oni supozas. La sekretariino de la edzino de amerika financmagnato, kiu havis la ŝancon, ekgajni enrigardon en la vivon kaj agadon de la supera dekmilo en New-York kaj Chicago, publikigas siajn taglibrajn notojn en amerikaj kaj anglaj ĵurnaloj. Ŝi pentras je tre klara maniero la sennombrajn societajn devojn, kiujn devas plenumi „kompatinda“ miliarduledzino, se ŝi vere volas esti alkalkulata al la nobela societo. Certe ja la nombro de la „superaj dekmiloj“ en Usono tute ne estas tiom granda kiel oni tion povus konkludi el la en Eŭropo fabrikita listo. En New-York kaj Chicago ekzistas ĉirkaŭ du mil familioj, kiuj vere apartenas al la nobela societo kaj povas fari pretendon je genealogia arbo en la neskribita amerika Gotha Almanako (la adresaro de la nobeluloj).

Oni sciiĝas el la taglibro antaŭ ĉio, ke transatlantika miliardulino ne malpli ol 10—14 horojn devas dediĉi al sia ofte penplena societa devaro. Ne mirinde, ke post la sezono la sanigejoj ne povas enteni la refreŝigemulojn. Monduma sinjorino havas antaŭ ĉio la devon, legi la ĵurnalojn kaj grandajn revuojn, por ĉiam plej bone esti informata pri la societaj aranĝoj. En ĉiu granda domo ekzistas propra sekretario aŭ -ino, kiuj havas la unikan devon, de tago al tago konscience registrigi (kontroli) la liston de invitotoj al la lunĉo kaj al la societaj aranĝoj. Pri la akceptitaj kaj malakceptitaj invitoj plej ofte aparta libro estas tenata. La preparo de vesperkunveno, kiu okazas aŭ en la propra domo aŭ, kio estas ankoraŭ pli kutima, en la festĉambregoj de iu granda hotelo, kaŭzas al la miliardulino ofte pli grandajn zorgojn ol al la aŭtoroj de dramo la unua prezentado de ilia verko. Ne malpli penplena certe estas la preciza apero ĉe la sennombraj tekunvenoj, bonfaraj aranĝoj, dombaloj, teatraj unuafojaj prezentadoj, kaj — last not least (laste sed ne malgrave): ĉe la politikaj paroladoj. Okazas, ke la miliardulino en unu tago devas ĉeesti tri tekunvenojn, du balojn, unu estraran kunsidon kaj krome la prezentadon de nova dramo. Ĉi tio estas des pli malmulte amuza, ke oni devas plenumi ĉiujn devojn dum la relative mallonga tempospaco de la 3-a posttagmeze ĝis la 2-a aŭ 3-a nokte.

Certe restas al la miliardulino malmulte da tempo, ofte nenia, por la propra familio, precipe por la eduko de la infanoj; ili estas plej ofte edukataj en la modelaj pedagogiaj institutoj kaj pasigas nur siajn libertempojn en la hejmo de la gepatroj.

En ĉiu nobela domo atendegas tuta stabo da lakeoj, ĉambristinoj, servistinoj, kuirejaj „feinoj“ la ordonojn de la mastrino. Kelkiu amerika miliardulino havas pli grandan korteganaron ol la reĝino de malgranda eŭropa lando. Ke la kontrolo de la servanta personaro ofte okupas potage kelke da horoj, estas komprenebla. Tute precipan atentemon dediĉas la edzinoj de la amerikaj miliarduloj al la kuirejo kaj treege klopodas, ke ili havu la plej bonan kuirejestron kaj la plej eminentan kuiriston en sia servanta personaro. La kuirejestroj estas prince salajrataj. La monfieruloj interkonkuras, se temas pri la dungo de fama kuiristo, kaj ekzistas ĉefkuiristoj en New-York, kies salajro malmulte diferencas tiun de la prezidanto de Usono.

La plenumado de la korespondado estas la tasko de la sekretariino. La sinjorinoj de la nobela socio skribas nur siajn plej intimajn familiajn leterojn mem, alie ili lasas la respondadon de la alveninta poŝtaĵo al sia sekretariino.

Entute do ne estas amuze, esti miliardula edzino en Ameriko. La vivo de la malgranda burĝa virino eble estas malpli riĉa je variado, sed ankaŭ malpli penplena ol tiu de dolarprincino.

El „Neues Wiener Journal“
trad. *Heinrich Fahnl*, Wien.

##  NOTOJ 

**Testudoj-gigantoj.** — En Hindio la testudo estas, de la antikvaj tempoj, simbolo de eterneco. Laŭ kelkaj hindaj legendoj la tero bazas sur tri elefantoj, kiuj siavice bazas sur unu testudo. Sur kio bazas tiu testudo tion la legendo ne diras. Antaŭ nelonge oni kaptis apud bordo de Atlantiko, en Francujo, maran testudon, el speco de liut-testudoj, longan 2 m, pezan 330 kg. Antaŭ 20 jaroj en la sama loko oni kaptis testudon je 385 kg, kaj pli sude la alian je 500 kg. La plej granda mara testudo iam mezurita havis 800 kg kaj 2,5 m. Oni opinias, ke la grandaj testudoj estas tre maljunaj. En la 1740 unu testudo, tre maljuna, estis pezita kaj mezurita; ĝi vivis ĝis la 1917, kiam ĝia pezo estis 155 kg, preskaŭ la sama kiel en la 1740. Tervivaj gigantaj testudoj estas nun preskaŭ ĉiuj detruitaj de la homoj, kiuj serĉis ilian viandon, kirason, aŭ simple amuzis sin per tiu buĉado. Niaj nepoj ilin primiros nur en la muzeoj kaj sur la bildoj, kiel ni miras pri la mamutoj.

*

**Vinberaj kernetoj** estas ordinare forĵetataj en negrandaj vinberaj mastrumejoj, ĉar oni ne volas sin okupi pri la bagateloj. Sed en grandamasa vinberindustrio oni ilin utiligas por produkti oleon. Post elpremo de la vino oni ricevas restaĵon da ŝeletoj kaj kernetoj, el kiu tiuj lastaj estas eligataj, sekigataj, purigataj. Oni tiras la oleon per du procedoj: per premo aŭ per solvigo (en trikloruro aŭ trielino). La oleo, dece purigita, prezentiĝas kiel senodora, orflava, diafana oleo, simila al la avela. Unuaspeca vinberkerna oleo povas servi al homa manĝo, ĝi kvalitas kiel duaspeca olivoleo. La duaspeca vinberkerna oleo taŭgas por pentrarto, sapfarado, lampolumado, maŝinŝmiro ktp. Post eltiro de la oleo la kernetrestaĵo povas esti utila por hejto, sterkado, brutnutrado, taninfabrikado.

*

**Jodo**, tre utila en medicino kaj tekniko, estas fabrike produktata el algoj (marherboj) kaj el mineraloj (nitratoj). Unua procedo uzata en angla, franca, japana landoj havigas ĉiujare 200000 kg, la dua en Ĉilo havigas 900000 kg. Inter la algoj nur la brunaj entenas sufiĉe da jodo (ĉirkaŭ 1%) por esti prilaborataj industrie, nome la algoj Laminaria, Zosteria, Saccorhiza, Fucus, Chorda. La verdaj algoj enhavas tro malmulte da jodo, tial ili servas nur por brutnutrado kaj komposterkado.

*

**Statistiko pri seksoj.** — Oni esprimas rilaton inter nombroj de viroj kaj inoj per du ciferoj, el kiuj la unua montras mezan nombron de viroj kunekzistantaj kun la inoj kies nombro (la dua) estas kondiĉe fiksita je 100. Tiamaniere oni diras ekzemple, ke en iu lando la seksa rilato estas 96 : 100, tio do signifas, ke al ĉiuj cent virinoj de la lando korespondas 96 viroj. La sama kalkulmaniero estas uzata en zoologio kaj bestedukado. Suba tabeleto montras mezajn nombrojn, kiuj rezultis el longaj esploroj de diversaj scienculoj. Maldekstre ni vidas ulojn inter kiuj plinombras viroj, kaj dekstre la inoj, ĉiuj en naskiĝa periodo.

| | | | |
|---|---|---|---|
| hundoj | 118 : 100 | kokoj | 94 : 100 |
| kolomboj | 115 : 100 | ŝafoj | 97 : 100 |
| musoj | 114 : 100 | ĉevaloj | 98 : 100 |
| homoj | 105 : 100 | bizonoj | 25 : 100 |

Tiu rilato varias kun la aĝo, loko, raso, familio, klimato kaj jartempo.

*

**Meliso citrona** estas labiaco, nomata latine Melissa officinalis, alta de 30 ĝis 80 cm, floras en meza Eŭropo de junio ĝis septembro, koloro flaveta, blanka, palblua. Franca popolo ĝin nomas „citronelle“ pro odoro citrona, kiun eligas ĝiaj frotpremitaj folioj. Ĝi estis konata jam antaŭ Kristo pro siaj kuracaj kvalitoj. Oni ĝin uzas en formo de infuzaĵo, akva aŭ alkohola, kontraŭ nervatako, stomakdoloro, kapturno kaj spasmoj.



# LITERATURO



## Alp-ardado

*(Alpenglühen)*

Ni estis sur la monto *Salève,* kiu politike apartenas al Francio kaj geografie al Ĝeneva Kantregiono. La tago sunplena, varma, malgraŭ la sezono, komenco de januaro. „Kristnaska Rozo" (Helleborus niger), vigla kreskaĵo kun grandaj verdetaj floroj, poste iu nekonata por ni flava floreto-nano, fine la freŝa juna herbo kuraĝa sub la seka morta herbaro, tiaj estis la signoj de vivo, kiu ne ĉesas pulsi ĉi tie, eĉ dum la plej malvarmaj semajnoj. Ambaŭflanke la valoj estis plenaj je la delikata nebulo, kiu permesis deveni konturojn de Lemano, de Arva rivero, kaj la liton de Rono. Mallonga vintra tago rapide ekfinis. La longa panorama Alp-ĉenaro, kiu tuttage brilis super la nebulaj valoj, komencis ŝanĝi koloron de siaj neĝoj. En tiu vico estis la relative proksimaj *Voirons* kaj *Môle* piramide regula, oriente *Dent du Midi,* plisude *Aiguille Verte,* la akra spino de *Grandes Jorasses,* pli malproksima kaj alta *Mont-Blanc,* ankoraŭ dekstren la labirinto da ĉenoj kaj gorĝoj, ĝis sudokcidenta parto de l' horizonto, kie la malhela dorso de nia Salevo ŝirmis la ĉielon.

La pura blanko de l' montaj neĝoj unue oriĝis, poste nuancis salmo-kolore, fine iĝis rozeta. Krepuskis. La blua nebulo de l' valoj iĝis pli kaj pli ombra, malhela. Linio de la lumnivelo malrapide supreniris, tranĉante pli kaj pli vastajn monto-deklivojn. La rozeta koloro pliruĝiĝis, la fono de l' ĉielo malhelis viole. Baldaŭ, meze en la ombra oceano, restis izolaj nur la suproj de la montaj masivoj, ardantaj sub la lastaj sunradioj. La vala ombro tamen grimpis . . . Nun, restis la pintoj sole rozlumaj, kiel ŝipfragmentoj flotantaj sur la blunigra oceano.

Fine, la ombra superakvego, ĉiam montanta el la valoj, englutis ĉiujn grandegulojn, krom *Monto Blanka.* Tiel falas en la legenda batalo la herooj, unu post la alia, laŭ la ordo de l' potenco:

> *„Rolando graf', vidinte ĉiujn estrojn mortintajn, ankaŭ karan Oliviron, en koro ekpremiĝas kaj ekploras, senkoloriĝas . . .'* (Rolandkanto, 193.)

La ĉionglutanta ombro-marego superkovras la lastan egulon. Nun ili ĉiuj estas morte-blankaj, malvarmaj, en la densa bluo. Noktiĝas. Ŝajne ĉio finis.

Sed, oh, mirinde, — ree ekroziĝas la pintaro, duafoje ekardas la eguloj, vekiĝis el la morto-dormo:

> *„Rolando graf' rekonsciiĝas tiam; li sin levetas . . ."* (Rolandkanto, 195.)

Ne longe daŭras tiu reviviĝo. La nokto reprenas siajn rajtojn, kaj la dua ardado forpasas:

> *„Rolando mortis . . . Di' animon lian ricevis. Sur ĉiuj vojoj kaj vojetoj, kampospacoj, platajoj plej malvastaj, kuŝas la kadavroj . . ."* (Rolandkanto, 207.)

Enpaŝis la nokto. En ankaŭ ombra okcidento brilegis Venuso, super la nigra korpo de la senviva Salevo. En la nigraj valoj malfermiĝis okuletoj, varmaj lumoj de l' nevidebla homvivo, kiu — atendante la novan matenon — pliheligas la nokton.

*O. Navelas.*



## En Svislando

Gigantaj montoj la ĉielon erpas,
terkoron sondas fundo de la lag'.
Unua sunradian benon ĉerpas,
la dua freŝan forton por la tag'.
Konkordon kreas tie en tri gentoj
majesta kunlaboro de l' natur'
kaj paco vivas sub la domtegmentoj,
okuloj brilas pro l' enkora pur'.

Miraklojn miras mi, la vagabondo.
Ne mont' nek lago tuŝas min ĉe l' kor',
mi vidis tiajn ofte en la mondo,
alia estas tie la trezor':
mizer' ne plendas, virto sin ne vendas,
infan' ne ploras pro la mank' de pan',
hontgroŝojn sur la strato ne atendas
soldato blinda kun senfingra man'.

Ho di-benita lando de l' prudento,
homecon vian gardu kun ĵaluz',
modelo restu vi por ĉiu gento,
evitu reton de l' milita ruz',
por ke se nove flagros venĝoflamo,
blasfemos veoj, fluos sangofont',
eĉ tiam restu *unu land' de l' amo*
por trovi ie *fidon* pri l' estont'!

*Julio Baghy.*

## Perdita paradizo

de *J. S. Machar*

Perdita paradiz' . . .
Sonĝej' infana . . .
fabela idili' kun ĉio laŭ dezir' . . .
Kaj poste kun Sinjoro Di' kaŝludo vana,
serpent' malica, deŝirita pom',
frandem' de prapatrin', naivo de prahom'. . .
Ha, ĉio for . . . kaj restis nur sopir' —
fabelo, jam pasinta nin.

Pli bela estontec' . . .
Antaŭen nur al ĝi . . .
por homoj cel', herbej', sidej' de ĝojo,
fabela idili' kaj lasta cel' por ni . . .
kaj ke ni ĝin atingos — firma la esper',
kaj pro ĝi nur batal' kaj ĉiu tersufer' —
ha, estas ĝi terura, tiu vojo . . .
fabelo jen, savonta nin.

Pasinta jam fabel',
fabela nova cel',
jen du polusoj, kaj en mez' nenio
krom tuta mar' da homa tragedio

El la ĉeĥa trad. *Rud. Hromada.*

## *Sincere mi al vi konsilas*

de *Tu Ciu Nian*

Sincere mi al vi konsilas:
Ne ŝparu vian veston oran!
Sincere mi al vi konsilas:
Ŝparegu la junecon floran!
Deŝiru florojn ĝustatempe! —
Ho, ne prokrastu la detranĉojn,
Ĝis kiam floroj plu ne estos
Kaj vi eltiros vane branĉojn!

*Fontsuno Caj*, Tientsin.

---

# La kontrabasa fianĉo.

Humoraĵo de *Abel Kommok*.

Kiam mi renkontas — de temp' al tempo — mian lernejan kamaradon Demetrion, mi tutkore lin salutas, sed ĉiam en mia kapo trasaltas amuza nomo „la kontrabasa fianĉo", la moknomo kiun donis al Demetrio la kamaradoj, dum ni ĉiuj estis liceanoj. Poste, kun la jaroj, ni elkreskis, viriĝis, edziĝis, disiris diversajn vojojn — sed la moknomo restis, almenaŭ inter la anoj de nia generacio, kaj la cirkonstancojn kiuj kreis tiun nomon mi volas al vi rakonti, ne pro ilia graveco, sed ĝuste pro ilia malseriozeco, ĉar en ĝi estas ankaŭ ia vivsenco.

Do, nia kamarado Demetrio — kiun ni nomis Dema — estis mia samklasano, de la unua lernojaro, kio donas al mi la plej grandan aŭtoritatecon por atesti kaj rakonti pri li. Dema estis dorlotato de la riĉaj gepatroj, bienuloj, iom etcerba, maldiligenta, ventula, sed ne sen talentoj. De sia avino, itala aktorino, kiun edzinigis lia avo, Dema heredis la emon kaj kapablon por ĉiuj artoj, precipe por danco, muziko, teatrado. Domaĝe, pro la nelaboremo, li ne disvolvis eĉ unu el siaj art-talentoj, kaj poste li ne fariĝis profesia artisto, nek ŝatinda art-amatoro. Sed dum la lernojaroj Dema larĝe uzis siajn talentojn por . . . trompi la instruistojn kaj profesorojn, kiuj atendis de li bonajn respondojn pri la donitaj taskoj, lecionoj, problemoj. Kaj en tiuj rilatoj Dema sin montris treege kapabla, virtuoza, inspirita. Lia principo estis: eviti la penon, t. e. kontentigi la „faraonojn" — tiel ni nomis la profesorojn — sen granda elspezo da laboro. Se Dema estus naskita antaŭ ducent jaroj, kaj se li estus estinta scienculo, li certe elpensus la faman leĝon de la „minima peno" kaj la „linion de la malpleja rezistado".

Du-tri ekzemploj donu palan ideon pri liaj artaĵoj, kiuj plaĉis al ni, kaj kiuj restis absolute nekonataj por la faraonoj. Nur poste, fininte la liceon, ni — ĉe la biertablo — konfesis al tiu aŭ alia profesoro la iamajn petolojn niajn kaj la artaĵojn de Dema. Ekzemple, Dema dum unu bela printempa mateno grimpis du etaĝojn de la liceejo por kaŝe transdoni la problemsolvojn al la enfermitaj ekzamenatoj je la bakalaŭro. Alifoje — li, post la dorso de l' profesoro, indikis per la konvencia sistemo da gestoj la necesajn ciferojn al la „forbuĉata" kamarado ĉe la nigra tabulo. Li estis, almenaŭ por nia liceo, la unua elpensinto de la mikroskopia skribado sur la amelitaj manumoj, kaj de la kudrilgratado sur la ses flankoj de la krajono. Nekredeble, sed fakto, li — post dektaga laboro — sukcesis gravuri dek krajonojn sur ĉiu el kiuj ni povis deĉifri la cent formulojn de nia matematiko. Tiujn krajonojn li vendis, kaj la monon uzis por siaj amobjektoj, belaj liceaninoj.

Du mankojn havis Dema, kaj tio faris lin bufono, farsisto, anstataŭ la geniulo. Li estis tro grasa, tro dika — kaj li ne sciis la ĝustan mezon en siaj privataj aferoj. La moknomo kiu titolas nunan rakonton reflektas unu el liaj fiaskoj, kiu okazis al li en la amafero. Ĝin mi raportos.

Dema enamiĝis al unu gracia liceanino, la bela Heleno, knabino de malriĉaj gepatroj. Ŝi estis ĉarma kaj inteligenta, harmonia en siaj paroloj, gestoj, agoj. Plena malo de Dema, saltetanta kapricema klaŭno. Mi preterpasos la disvolvon de la amo ĉe Dema, la scivoletan trankvilon de Heleno, la regulan promenadaron de l' amanto sub la mistera fenestro de la adoratino. Tio estis la normala evoluo, konata de ĉiu el ni, de ĉiu el ni praktikita siatempe. Sed ni vidu la neordinarojn en tiu am-entrepreno. La gepatroj de Heleno estis favoraj al la amindumanto; eble ili havis iajn sekretajn esperojn pri la riĉa junulo kiu povis estonte edziĝi kun ilia filino. Pro tio okazis, ke Dema, iom laca pro la matenaj kaj noktaj tro freŝaj kaj senfruktaj promenoj, sukcesis kun ia preteksto penetri en la hejmon de Heleno, intence dum ŝia foresto, konatiĝi kun la gepatroj, flati al ili, akiri ilian favoron. Heleno povus esti kolereta pro tiu agmaniero, nelojala por nia knaba moralo, sed ŝi, kiel bona filino, paciencis, toleris, eĉ ridete observis la neatenditan disvolvon de la afero. Dema regule alportis florojn en la hejmon de Heleno, unue izolajn rozojn, poste bukedetojn, bukedojn, fine bukedegojn. Tio komencis fariĝi ridinda kaj en la koro de Heleno li ne progresis, Heleno havis denaskan antipation je la tro dikaj personoj. Krome, ŝi ne ŝatis bufonadon en seriozaj aferoj, ŝi estis de la sentimentala, iom melankolia speco.

En la sama periodo, kiam okazadis tiu afero, Dema estis akceptita en la licean orkestron, kaj tio prezentis veran, seriozan honoron por li, ĉar el sesdek muziklernaj liceanoj nur dudek, la plej talentaj, partoprenis en la orkestro de nia liceo. Tiu orkestro ludis en la oficialaj baloj de nia lernejo kaj dum la publikaj festoj de nia urbeto, alterne kun la esting-brigada orkestro. La kapo de Dema ardis pro tiu honoro, kaj nature li tuj volis senprokraste feliĉigi sian Dolĉineon per la ĝojega novaĵo. Kaj tion li faris en la plej brila, en la tro brila — kiel vidos la leganto — maniero. Kaj tiu solena momento, kiam la milda obstino de la adoratino devis esti venkita, ĝuste tiumomente la honta fiasko devis frapegi la amindumanton, lin ridegindigi, al li alglui la mokan nomon, kiu devus resti por la tuta vivo.

Senpacience atendis Dema la finon de la lecionoj, la unuan horon, kaj kiam ĝi sonis, li — anstataŭ iri hejmen — direktis sin al la strato kie loĝis Heleno. Li portis la kontrabason, imponegan instrumenton, de nun objekton de lia ŝato kaj kaŭzon de lia fiero. Dema ne iris rekte al la domo de Heleno, sed li zigzagis tra la konataj stratoj por vidigi al la loĝantaro, ke li nun estas kontrabasisto, la ano de la orkestro. La kordmuzikilon Dema portis sen ĝia ujo, la vetero ja estis bona, kaj kun la ujo la efekto ne estus certa. Du buboj kaj unu migranta hundo sekvis la kontrabasiston, esperante vidi aŭ aŭdi ion interesan. Kelkaj mastrinoj kaj kuiristinoj elfenestre atentis al la juna dikulo kun la same dika kontrabaso, kio prezentis tute neordinaran vidaĵon en la stratoj de la urbeto, dezerta en la horoj kiam oni tagmanĝas aŭ ripozas. Fine Dema atingis la modestan dometon de la adoratino kaj triumfe eniris — ne sen la peno — tra la pordegeto en la korton, tute ne atentante, ke lia sekvantaro jam estis multenombra. Heleno ankoraŭ ne estis reveninta, la gepatroj ŝin atendis ĉe la tablo. La neatendita vizito iom surprizis ilin, kaj ili ne tro afablis al la knabo. Sed Dema tion ne povis rimarki: li estis en ega ekscito, des pli granda, ke Heleno devis veni post kelkaj momentoj.

— Mi volas montri al vi mian instrumenton, diris Dema post formalaj ĝentilaĵoj, — mi jam scias ludi ĝin . . . la peco de la „Norma" estas belega . . . se vi permesos mi aŭdigos ĝin al vi . . . Malgraŭ la afablaj protestoj de la gepatroj Dema ekkaptis la kolon de la violonego kaj ekarĉis kun la tuta forto kaj flamo de l' juna virtuozo:

Drum — drum — drumdrumdrum . . . rra — rra, drum — drum — rarara . . . Brum — brum — burra — burra — uah . . . Drum — drum — arra — arra . . . Drum — drum — rrarrarra, drum — drum — raaaa . . . uah. Drum — brum — drum — arum — uaŝ . . . Drumra — brumdra, drumdra — brumdra . . .

La arĉo flugis sur la kordegoj, la ventro de la muzikilo tremegis, tondris, gruntis, knaris, kaj la brua ludaĉo disaŭdiĝis tra najbarujo, altirante la atenton. Baldaŭ la ĉiam pli nombra publiko staris antaŭ la dometo el kiu fluis strangaj surdegaj sonoj de la kontrabaso. Estis ĝuste la momento kiam Heleno proksimiĝis al sia dometo. Unue la knabino ektimis, pensante, ke okazis io terura, ĉar la homamaso staris scivola, kaj tiuj minacaj sonoj . . . kiuj estis aŭdataj el ŝia dometo . . . ŝi ne-nion povis kompreni. La ridoj de la bubaro tamen kuraĝigis ŝin eniri. Hontaj vizaĝoj de la gepatroj, arderuĝa fizionomio de la juna kontrabasanto, la ventrega instrumento en la hejmo, — ĉio tio troplenigis la kalikon de la pacienco, kaj la milda knabino eksplodis: „For . . . for de ĉi tie, tuj, vi estas netolerebla . . . .“ La okuloj de Heleno esprimis tian malamon kaj abomenon kian ĝis nun ne vidis Dema. En unu sekundo la kontrabaso kaj li kune eliĝis eksteren, sen la kasketo, kiun Heleno ĵetis al li tra la fenestro, sur la straton. La komedio ĉesis. Nun komencis la dramo. Malhonorita junulo ne povis tiel iri hejmen, ĉiam sekvata de la mokantaro. La honto devis esti forlavita per io ajn. Cent pensoj trakuris lian cerbon dum tiuj fatalaj sekundoj. Fulma ideo, kaj la plenumo tuj sekvis: forte tenante la kontrabason per ambaŭ manoj je la kolo, Dema suprenlevegis ĝin kaj per ĝi ekmartelis la granitan koloneton, pace starantan ĉe la bordo de la trotuaro. Gaja ar-krio de la bubaro salutis tiun heroan agon. Kvin-ses gigantaj frapegoj . . . kaj la kontrabaso diskrevis je dek pecoj. Furia aplaŭdado kaj bravisimo de la stratbubaro iom konsolis la junan aminton, kiu nun — kun malplenaj manoj — ekmarŝis al la hejmo.

La gepatroj de Dema rapide trankviligis sian genian knabon, pagis al la liceo la pereintan kontrabason, kaj aĉetis belan violonon kiun Dema eklernis. Dum du semajnoj li estis „malsana“, poste ĉio reordiĝis, komencis liaj kutimaj akrobataĵoj kaj lertaj entreprenetoj. Alia adoratino altiris lian soifan koron, kaj ĝin konsolis, se ne ŝi mem — almenaŭ ŝia fenestro kiu iĝis la celo de la reaj noktaj serenadoj kaj promenoj. Ree la muziko estis la esprimilo de liaj ardaj sentoj: la okarinon li aŭdigis el post la arbustoj kiuj kreskis antaŭ la adorata fenestro. Ree li venigis la florojn — levkojojn kaj violojn — al sia „objekto“.

Pasis jaroj. La proverbo diras, ke oni ĉiam revenas al sia unua amo. Se Dema ne pravigis tiun proverbon, ĝin pravigis ni, kiuj por ĉiam memoras lian unuan amon, katastrofe finitan per la kontrabaso.

---

# „Klareco.“

*Henri Barbusse.*

P. 2.

## Mi.

Kiel ĉiuvespere, oni rapidas. Tie, kie en la inkkolora pejzaĝo, granda tordita arbo baraktas kvazaŭ ĝi estus havanta animon, oni subite ekmalsupreniras, la piedo subiĝas antaŭen. Tie malproksime, oni vidas trembrili la lumojn de Viviers. La homoj, kies tago estas eluzita, marŝas al tiuj steloj kiuj kuŝas tere; la esperoj tiom similas unu la alian en la vesperoj, kiom la laciĝoj; ĉiuj ni estas samaj. Ankaŭ mi iras al mia lumo, kiel ĉiuj aliaj, ĉiuvespere.

P. 159.

## Ruinoj.

Mi falgenuas, poste mi kuŝiĝas. Mi faras tion, kion faris tiom multe da aliaj.

Mi estas sola sur la tero, kun la vizaĝo ĉe la koto, kaj ne povanta ekmoviĝi. La terura serĉpalpado de la haŭbizoj malsupreniĝas ĉirkaŭ min. La raŭka uragano, kiu min ne konas, tamen volas atingi la lokon, kie mi estas! Poste, la batalado malproksimiĝas, kaj tiu malproksimiĝo estas korŝiranta. Malgraŭ ĉiuj klopodoj miaj la pafadbruego malpliiĝas, sola mi estas; la vento blovas, nuda mi kuŝas.

*

P. 196.

## De Profundis clamavi.

Mi vidis Jesuo'n Kristo'n ĉe la lagobordo. Li venis sur la vojo kiel simpla homo. Ĉirkaŭ la kapo, nimbon li ne havas. Nur la paleco kaj dolĉeco lin rekonigas. Lumplanoj alproksimiĝas, surmetiĝas, kunmiksiĝas ĉirkaŭ li. Li brilas kiel en la ĉielo, kiel sur la akvo. Liaj haroj kaj barbo estas vinkoloraj, kiel oni rakontis. Li medite rigardas la senliman makulon, faritan de la kristaneco sur la mondo, ĥaosa kaj nigra makulo, kies bordoj solaj, ĉe liaj piedoj nudaj, havas ruĝan koloron kaj homan formon. En la mezo: himnoj, bruloferoj, vicoj da persekutoj plenaj da hakiloj, halebardoj kaj bajonetoj, kaj la ektuŝego, en longaj nuboj kaj armeostrekoj de du krucoj, kies formo ne estas tute simila. Kaj apud li, sur tola fasado, mi revidas la sangan krucon. Popolojn, kiuj sin disŝiras por pli bone sin ŝiri, kaj la ceremonian ligon super la malriĉuloj, de tiuj kiuj portas kronon kun tiuj kiuj portas tiaron, kaj ĉe la orelo de l' reĝoj, la geston de l' grizaj eminencoj aŭ ruzemaj, ombrokoloraj monaĥoj.

Mi vidis la homon de lumo kaj simpleco, kliniĝanta la kapon, kaj oni sentas lian eksterordinaran voĉon, kiu diras:

Mi ne meritis la malbonon, kiun ili faris per mi.

Li ĉeestas, ruztrompita elpensito, la kruelan gloron de sia nomo. De longe jam, la monavidaj kaj pasiaj vendistoj, siavice, lin forpelis el la templo, kaj metis la pastrojn sur lian lokon. Li estas krucumita sur ĉiu krucifikso.

En la kamparoj, oni vidas preĝejojn detruitajn de la milito; kaj jam homoj venas kun siaj pioĉoj, alportante ŝtonojn por restarigi la murojn. Li etendas la brakon kaj laŭte diras en la spacon:

Ne rekonstruu la preĝejojn. Ili ne estas tiaj, kiaj vi kredis. Ne rekonstruu la preĝejojn.

El libro „Clarté“.

Kun permeso de la verkisto tradukis *Lucette Faes-Janssens.*

# En Suda Lando.

## Havena Kinematografejo en Marseille.

Kontraŭ la ŝipoj troviĝas la kinematografejo. De la maro povas la homo, kiu longe devis rezigni la surkontinentajn ĝojojn, teleskope ekvidi la grandajn kolorajn aliŝojn. La kinematografejo sin nomas modeste „Kosmo-Teatro". Oni prezentadas la filmon pri la „ruĝaj lupoj".

La ruĝaj lupoj estas rabista bando en Abruzo. Ili rabis Margot'on, belan knabinon, kaj ŝin kaŝas en neatingeble alta turo. Sed kio estas neatingebla, kio estas alta? Brava junulo, Cezaro, fariĝas membro de la ruĝaj lupoj, nur proŝajne, kaj liberigas Margot'on.

Vi opinias, ke estas facile fariĝi membro de rabista bando? Vi eraras, estas malfacilege. Oni devas plenumi ekzaktan ekzamenon pri lukti, tranĉilpiki kaj brakfleksi.

Tiu ĉi akcepta ekzameno estas la plej grava parto de la filmo. Cezaro sukcesas kaj ne nur akiras la aplaŭdon de la ruĝaj lupoj sed ankaŭ tiun de la rigardantoj, kies arda revo estas fariĝi rabistoj en Abruzo.

De la deka matene ĝis dekdua noktmeze oni ludas okfoje tiun saman filmon. Okfoje dumtage plenumas Cezaro la akceptan ekzamenon. Okfoje entuziasmiĝas la rigardantoj, el kiuj sidas triono la tutan tagon en la filmludejo.

Tiu ĉi triono konsistas el virinoj kaj infanoj. Tage estas malpli varme en la malhela kinematografejo ol en la malvastaj loĝejoj aŭ en la ankoraŭ pli ma[illegible]rĝaj stratoj. Do por sin malvarmigi iradas la virinoj al la filmo. La infanoj pagas nenion. Ĉiu vizitantino havas minimume kvar idojn. Ŝi pagas por unu sidejo kaj okupas kvin.

Vespere alvenas la viroj, havenaj laboristoj, manĝas, sin lavas kaj iras al la filmludejo. Hieraŭ kaj antaŭhieraŭ ili jam vidis kaj aplaŭdis la heroaĵojn de Cezaro. Sed tiajn heroojn oni vidas ne sufiĉe ofte, se oni estas nenio pli ol havena laboristo kun la sopiro en la koro esti rabisto en Abruzo.

Eĉ pli romantika ol haveno estas rabista kaverno en Abruzo. Por simpla laboristo, kiu hodiaŭ estas fiŝkaptisto, morgaŭ maristo, kiu postmorgaŭ en alia malproksima haveno rigardas la saman filmon pri la ruĝaj lupoj, ne estas sufiĉe romantika la propra vivo.

Ĉu la rabistoj en Abruzo rigardus filmon pri la „marleonoj" de Marseille? La montaraj rabistoj envias la havenajn virojn. La rabisto faras sian romantikan negocon kiel ordinaran metion kaj revas pri fremdaj romantikaĵoj. Per tio la filmindustrio vivadas.

Kaj ankaŭ la havenistoj havas preskaŭ la samajn morojn kiel la montaranoj. Same la havenviroj pikas per korsikaj tranĉiloj, pasie fleksas la brakojn de la kolegoj kaj luktas kun la plej karaj amikoj. Ili ĝojas, ke oni en Abruzo havas la samajn plezurojn. Dum ili sidas en la kinematografejo, ili eltiras la tranĉilojn, kaj, okulturnitaj al la ekrano, ili jam etendas la manojn kontraŭ la najbaro, por lin kvazaŭ lude ekpiki. La najbaro, tion ne toleranta, instigas la amikon ekstari antaŭ la ekrano, por egali al la heroo Cezaro.

Oni do vidas en la filmejo ne nur la agojn de la Abruzanoj sed ankaŭ tiujn de la viroj de Marseille. Dume la muzikisto daŭre martelas sur la fortepiano „filinon de la regimento". Kompreneble, la rigardantoj enuas. Ili postulas alian muzikaĵon. La pianisto leviĝas, eliras kaj la filmo daŭras sen muziko.

Post kelke da tempo oni rimarkas grandan ekkoleran viron. Li ne allasas tian impertinentecon de muzikisto. Oni scias, kiom signifas, kiam tre alta, tre larĝa viro, kun ruĝa larĝa zono ĉirkaŭ la koksoj, kun ducentimetre mallonga frunto kaj kun manoj kiel ŝoveliloj feraj, ne toleras la arogantecon de eta fortepianludisto, kun pluvombrelo kaj redingoto.

Post kvin minutoj baraktas la pianisto en la fera pugno de la furioza vizitanto, reheliĝas kaj la gastoj ridas. La giganto svingas la maldekstran manon al la publiko, metas la muzikiston antaŭ la instrumenton, ordonante la kanton deziratan de la plimulto.

Tiam la filmo ruliĝas plu.

Mi sidas inter du infanoj, sur miaj genuoj ludantaj per vitraj kugloj. Estas belaj malpuraj infanoj. Mi volus ilin karesi. La infanoj ŝtelas unu de l' alia la kuglojn, ilin kaŝante en miaj jakpoŝoj. Ilia patro ekbruligas alumeton kaj lumigas mian vizaĝon. Li volas scii, ĉu liaj etuloj estas bone gardataj.

Belaj infanoj, mi diras. Atentu, ke ili ne batu sin reciproke.

Ŝajne mi estas al li simpatia. Li konstatis, ke mi povas bone varti infanojn, kaj nun li sin turnas senzorge al la okazaĵoj, fariĝantaj parte sur la tolo, parte en la ĉambrego.

Trad. *Franz Döring*, Freiburg i. B.

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Subtitolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

**Robotoj. — Romaneto. — Aliaj literaturaĵoj. — Zamenhofaĵoj. Religiaj verkoj. — Lernolibroj. — Reeldonoj. Diversaj verketoj.**

*

Kia stranga titolo: R. U. R.! Kion signifas *Rossumaj Universal Robotoj?* Kio estas Robotoj? Vi do legu la modernan teatraĵon de Karel Čapek, kiun niaj Moraviaj samideanoj tradukis el la ĉeĥa lingvo. Vi ne bedaŭros. Malofte vi havos okazon ekkoni verkon tiom originalan, strangan kaj tamen valoran je literatura kaj teatra vidpunktoj. Ĝi unue memorigas pri unu antaŭvido de Wells: La insulo de D-ro Moreau, en kiu sciencisto per sekcoj kaj greftoj vivigas monstrojn, miksaĵojn de homoj kaj bestoj, kiuj poste ribelas kontraŭ sia kreinto. En R. U. R. ni ankaŭ estas dum estonta tempo sur insulo, kie estas fabrikataj mekanikaj homoj, anstataŭontaj la verajn por ĉiuj laboroj. Tiu utopio, tiel neverŝajna, estas tiel lerte prezentita, ke iom post iom oni akceptas ĝin, anime partoprenas la lukton inter homoj kaj Robotoj, fariĝas scivola pri la batalokazoj kaj la fina sorto. La unua parto estas sprita komedio kun vere komikaj okazoj aŭ rediroj; ĝi pretigas la spiriton por la tri aktoj de l' dramo, kiu atingas altan nivelon pro la etikaj kaj filozofaj konsideroj, kiujn ĝi elvekas ĉe l' leganto. Tion oni devas admiri, ke el temo, kiu unuavide ŝajnas burleska, talenta aŭtoro eltiris vivan, pripensigan dramon. Tiaj verkoj meritas esperantigon kaj ankaŭ preskaŭ neniom perdas de siaj kvalitoj per traduko tia, kia estas la priparolata. Multaj ĝuu ĝin kaj gratulu la eldonintojn pro ilia elekto kaj laboro.

*

Romaneton, aŭ pli ĝuste biografion, sed tre malgajan, prezentas al ni la Biblioteko de Sennaciulo en *La morto de Blanjo.* Infano naskiĝis ĉe malriĉa familio; lia patro laboras en ŝtonminejo, li estas drinkulo kaj iam ŝtonfalo mortigas lin; la filon kripligas variolo, tro frua malsaniga laboro preskaŭ blindigas lin, de ĉiuj forpelata li ankaŭ ebriiĝas, lia patrino mortas. Foje, poste, li akceptas ĉe si mizerulinon; la neleĝaj geedzoj estas persekut-

ataj; la virino naskinte filon mortas unua kaj baldaŭ Blanjo, la etulino, ankaŭ. Tiu terura sinsekvo de malfeliĉoj estas trafe kaj emocie priskribita kun celo kontraŭbatali du sociajn malsanojn: homan ekspluatadon kaj alkoholismon.

*

Mi ŝatis nek la temon de *Bela kaj Stela* (pro malĉastemo, junulino forlogas la amanton de sia plej intima amikino) nek la lingvon ne sufiĉe korektan de ĝia aŭtoro. Mi multe pli plezuris relegante la duan eldonon de *Hungaraj Rakontoj*. Tiu volumeto de Esperanta Biblioteko Internacia enhavas kvar humorajn rakontojn sprite verkitajn, lerte tradukitajn. Lizi, Elze, Elizabet, la pli longa, estas tre ironia analizo de memama virina karaktero.

*

La Pariza Centra Librejo tre prave reeldonas la kolekton de l' *Lingvaj Respondoj*. La du antaŭe aperintaj neplenaj kolektoj estis elĉerpitaj, kaj la bonega „Sprachliche Gutachten" de Lippmann ja ĉefe celas germanojn. Malnovaj kaj novaj esperantistoj ĉiam trovas en tiuj respondoj ĉu bezonatan klarigon, ĉu la spiriton de sia majstro, netrudema sed liberama, mirinde klara, prudenta kaj pacigema. Flanke de l' Fundamento, de l' Fundamenta Krestomatio, ĝi estas la tria bazo de nia konstruaĵo. Ĝia studo estas deviga por ĉiu, kiu volas funde koni nian lingvon aŭ pretigi sin por ekzamenoj.

*

Certe nia samideanaro ankaŭ tre ŝatos la dokumentojn kaj deknaŭ portretojn kolektitajn en *Galerioj de Zamenhofoj*. Ĝi estas tre interesa kompletigo al la „Vivo de Zamenhof" de Privat. Ĉiuj detaloj pri nia majstro kaj liaj familianoj estas por ni memorindaj, kaj la aŭtoro povis feliĉe profiti je senperaj fidindaj fontoj.

*

La libro *Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj* estas detala pledado por katolika dogmo kaj defendo kontraŭ ĉiuj eblaj kritikoj. Ĝi ankaŭ estas interesa je lingva vidpunkto pro uzo de multaj religiaj fakvortoj. Aliflanke estas nebone, ke tiu verko de franca ekleziulo estas esperantigita laŭ germana traduko, kaj ankaŭ, ke ĝi jam fariĝis nemoderna en multaj pruvoj kaj asertoj, kiujn ne plu uzas la nuna religia scienco. Cetere la traduko estas tute bona.

*

*Deklaracio fidela pri la vero elmontrata laŭ la Sankta Biblio* estas broŝuro, kiu per multaj paroloj el la Biblio celas, sed iom konfuze, korekti aŭ kompletigi la ĝeneralan kristanan kredon pri la anima senmorteco, kredon, kiun ĝi diras malĝusta.

*

Tri verkoj de Julia Ŝupichova ebligos al ĉeĥoj funde lerni nian lingvon. Unue, *Gramatiko* tre ŝatata, ĉar ĝi aperas en tria eldono kaj kiu, krom la detala lingva instruo enhavas aldone tekstaron kaj vortareton. Due, *Libro de ĉeĥo-esperanta konversacio* kun frazoj, demandoj, respondoj pri ĉiuj praktikaj okazoj; estas ja 1318 da ili, ĉeĥa teksto sur la maldekstraj paĝoj, esperanta sur la dekstraj. Trie, ampleksa legolibro, kiu sub titolo *Legu kaj parolu* kunigas centon da diverslongaj kaj multtemaj tekstoj prozaj kaj versaj tre taŭge elektitaj; ili estas tradukoj el ĉeĥa aŭ el aliaj lingvoj, eltiraĵoj el la klasikaj esperantaj verkoj aŭ el Zamenhofaj. Tiu riĉenhava libro, pure esperanta antologio, estas do uzebla ĉie, kie oni bezonas bonan, varian legaĵon por pliperfektiĝado.

*

La du novaj lernolibroj de prof. D-ro Dietterle plaĉas per sia eksteraĵo, sia interna ordo kaj koncizeco. La aŭtoro ne turnas sin al la miksita partoprenantaro de l' ordinaraj kursoj aŭ al junuloj; li pensas, ke nuntempe maturuloj kaj kleruloj deziras koni aŭ lerni Esperanton; por ili ĝenerala sistema trarigardo de l' gramatiko kaj taŭgaj tekstoj ebligos pli rapidan, interesan laboron ol la ordinaraj sinsekvaj lecionoj. Kompreninte la konstruon de l' lingvo, tia instruita persono tuj povas legi tekstojn zorge gradigitajn kaj, en okazo de bezono, dank' al sistemoj da referencaj ciferoj, tuj trovi la necesan informon. Tial la du volumetoj: *Sprachlehre* kaj *Übungsstoff*, kompreneble kun vortaro, liveras ĉion por praktika memlernado, kio ne signifas, ke por kursoj per rekta metodo ili estus malpli valoraj.

*

La titolo de l' lernolibro por germanoj: *Esperanto-Leitfaden für den Kaufmann* diras la celon de l' aŭtoro, S-ro M. Butin. La parolaj ekzercoj estas aroj da frazoj pri komercaj temoj, germana kaj esperanta tekstoj apudaj; la skribaj ekzercoj preparas al redaktado de komercaj leteroj aŭ dokumentoj; tria parto donas modelojn de tiaj tekstoj, kvara la dekses-regulan gramatikon, kvina vortareton.

*

Por hebreparolantoj ĵus aperis *lernolibro* presita *per juda literaro* kaj verkita de Izrael Lejzerowicz. Ni, okcidentuloj, ĉiam miras pri tia libro, ĉe kiu unua paĝo estas la lasta, kaj kiun oni devas legi de dekstre maldeksten.

*

La belaspekta enpoŝigebla *Metoula Sprachführer* estas ĉefe vortaro aŭ esprimaro germana-esperanta ordigita ne alfabete sed laŭteme.

*

En *Esperanto-Legaĵo* de D-ro Emil Pfeffer estas ok tekstoj esperantaj kun germana interlinia traduko.

*

Fine S-ro Schoofs aranĝis por la holanda-flandra lingvo la konatan „Premier Manuel" unue eldonitan por francoj.

*

Nova eldono pruvas, ke libro estas bona kaj ŝatata. Tion oni povas senrezerve aserti pri la *Kursa Lernolibro* de D-ro Privat, rezultato de longa praktika spertado en instruado, kaj kiu, esperante verkita, estas ĉiulande uzebla; ĝia sesa aldono ĵus aperis. Flanke de ĝi la legolibreto *Karlo* de l' sama aŭtoro estas plie vera plaĉa romaneto; estas ĝia naŭa eldono: meritita sukceso.

*

La *Cours rationuel et complet d' Esperanto* publikigita de l' Laborista Esperantista Federacio ankaŭ estas duafoje presata. Ĝi estas vere unu el la plej plenaj kaj detalaj kursoj por francoj. Se, en tiu dua eldono, por sono de literoj ŝ kaj k la ekzemploj: „bolŝeviko" kaj „komunisto" estas anstataŭataj de „kloŝo" kaj „komuna", kaj se frazojn pri religio, kapitalismo, anstataŭis amuzaj anekdotoj, la libro neniel perdis sian valoron, kontraŭe.

*

Ankaŭ duaj eldonoj estas *Eszperanto Nyelvtan* por hungaroj, *Kompletny Podrecznik* de Leo Turno por poloj, ambaŭ kun la kutima enhavo kaj divido de niaj lernolibroj, kaj la *Esperanto-Grammatik* de Nils Nordlund por svedoj, kiuj male estas detala sistema klarigo de ĉiuj lingvaj punktoj. La sama aŭtoro publikigas ankaŭ vortaron sveda-esperantan kaj esperanta-svedan plaĉe eldonitan.

*

Pedagogojn, psikistojn interesos la *Teknika Vortareto* de P. Trarbach kun tradukoj de l' esperantaj fakvortoj en lingvoj germana, franca kaj angla. En *La problemo de la Lingvo internacia*, brazila profesoro kaj verkisto, S-ro Medeiros E. Albuquerque, bone respondas al diroj de franca lingvisto, Albert Dauzat, kiu ankoraŭ neas la eblecon de internacia lingvo bazante sin, kiel aliaj, sur tiu kredo, ke lingvon, vivantan estaĵon, homo ne povas krei. Ve al tiuj kleruloj, kiuj uzas komparon kaj poste kredas ĝin fakto aŭ rezono. Kiuj renkontos tiajn pseŭdsciencajn kontraŭdirojn trovos bonajn refutojn en tiu interesa broŝuro. *G. S.*

## Novaj libroj.

**R. U. R. Rossumaj Universal Robotoj.** Kolektiva dramo je enkonduka komedio kaj 3 aktoj. *Karel Čapek.* Esperantigis kaj eldonis Moraviaj Esperanto-Pioniroj, Olomouc, 1926. 112 paĝoj, 15×21 cm. Prezo: 13. kr. ĉeĥ.

**La morto de Blanjo.** *Jean Tousseul.* Tradukis el la franca lingvo *Léon Bergiers.* 1925. Biblioteko de Sennaciulo, serio literaturo, N-ro 2. Sennacieca Asocio Tutmonda, eldona fako kooperativa, Leipzig. 72 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 0,60 M. germ.

**Hungaraj Rakontoj.** *Ferenc Herczeg.* Tradukis *A. Panajott.* Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 21. Dua eldono. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 48 paĝoj, 9½×14 cm. Prezo: 0,40 M. germ.

**Bela kaj Stela.** Unu akcidento kia okazas ĉie en la mondo. *S. Balkanano.* Propra eldono, 1925. Zagreb. 16 paĝoj, 15×23 cm. Prezo: 5,50 dinaroj.

**Galerio de Zamenhofoj.** Kolektita de *Edvardo Wiesenfeld,* L. K. Heroldo de Esperanto, Horrem bei Köln. 80 paĝoj, 11½×17½ cm. Prezo: 1,20 M. germ.

**Lingvaj Respondoj.** Plena kolekto. D-ro *L. L. Zamenhof.* Aperintaj en „La Esperantisto", „La Revuo", la „Oficiala Gazeto" kaj en aliaj gazetoj. Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris 9-e. 96 paĝoj, 15½×21 cm. Prezo: 5 fr. fr., sur pli bona papero: 7,50 fr. fr.

**La problemo de la Lingvo internacia.** Originalo de *Medeiros E. Albuquerque.* Tradukis D-ro *Nuno Baena.* 1925. Eldonita de „Brazila Ligo Esperantista", Rio de Janeiro, Brazilio. 24 paĝoj, 13½×18½ cm. Prezo ne montrita.

**Deklaracio fidela** pri la vero elmontrata laŭ la Sankta Biblio kaj . . . . Publicity Press, 10 Victoria Street, Brunswick, Melbourne. Ricevebla de G. R. Martin, 43 Calmont-Road, Bromley, Kent, Anglujo. 52 paĝoj, 12×18 cm. Senpaga.

**Legu kaj parolu!** Esperanta Legolibro. *Julie Šupichová.* 1925. Eldonanto: Šolc & Šimáček, Praha. 212 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 16 kr. ĉeĥ.

**Teknika Vortareto,** esperanta-germana-franca-angla por pedagogio, logiko kaj psikologio. Rektoro *P. Trarbach.* Heroldo de Esperanto, Horrem bei Köln (Germ.) 16 paĝoj, 11½×15 cm. Prezo: 0,35 M. germ.

**Ĉu Katino?** Venĝprenado de *H. W. G. Cenijn* je la malfacileco memorigi la tradukojn kaj la signifojn de la esperantaj korelativoj. 1925. Eldono: „De Kom", Ruiterweg 15, Laren (N. H.), Holland. Kartonita libro, 60 paĝoj, 13½×19½ cm, kun 6 aldonoj en ujo. Eldonoj: franca, germana, angla kaj holanda. Prezo: 2,65 fl. hol. (Sm. 2,20).

**Kursa Lernolibro,** laŭ praktika parola metodo. D-ro *Edmond Privat.* 6-a eldono, 1926. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 80 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 0,80 M. germ.

**Karlo.** Facila legolibro. *Edmond Privat.* 9-a eldono, 1926. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 48 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 0,50 M germ.

**Pomocný jazyk mezinarodní Esperanto.** Mluvnice, výbor článků a slovník Esperanto-český. *Julie Šupichová.* 3-a korektita eldono. Eldonanto: Šolc & Šimáček, Praha. 120 paĝoj, 11×17½ cm. Prezo: 9,60 kr. ĉeĥ.

**Kniha česko-esperantské Konversace.** Libro de ĉeĥo-esperanta konversacio. *J. Šupichová.* 1925. Eldonanto: Šolc & Šimáček, Praha. 124 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 15 kr. ĉeĥ.

**Cours rationnel et complet d'Esperanto.** 2-e édition, 1926. Edité par la Fédération Esperantiste Ouvrière, 177 Rue de Bagnolet, Paris 20-e. Antaŭparolo de Henri Barbusse. 208 paĝoj, 12½×19½ cm. Prezo: 6 fr. fr.

**Esperanto-Leitfaden für den Kaufmann.** *Max Butin.* Deutsch-Esperanto-Bücherei N-ro 8. 1926. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden. 64 paĝoj, 12½×18½ cm. Prezo: 1 M. germ.

**Lernolibro** por la internacia lingvo Esperanto **en juda instrulingvo,** kompilita de *Izrael Lejzerowicz,* L. K. Nakladem Esp. stow. „Laboro" en Lodzi. 96 paĝoj, 12×16 cm. Prezo: 1,50 zl.

**Esperanto-Grammatik** i utförlig framställning av. *Nils Nordlund,* Läroverksadjunkt. 2-a eldono. 1925. Förfatlareus Förlag, Kristianstad. 122 paĝoj, 13×18½ cm. Prezo: 1,50 kr. sved.

**Nickel** (10 000 ord.) **til Esperanto.** Svenska-Esperanto. Esperanto-Svenska, av. *Nils Nordlund,* Läroverksadjunkt, Kristianstad. 1925. 80 paĝoj, 13×18½ cm. Prezo: 1 kr. sved.

**Elektita Esperanta Legaĵo** por komencantoj kaj kursoj. Teksto kun germana interlinia traduko kaj klarigoj. D-ro *Emil Pfeffer.* 1926. Eldonejo Paul Knepler, I Lichtensteg 1, Vieno. 32 paĝoj, 13×18 cm. Prezo: 0,50 fr. svis.

**Internationale hulptaal Esperanto.** Leerboekje door *Fr. Schoofs* naar de Frausche brochuur „Premier Manuel". 1925. „La Verda Stelo", Esperantische Groep, Antwerpen. 32 paĝoj, 11×14½ cm. Prezo: 50 centimoj.

**Informilo por junaj esperantistoj.** Eldonis Esperantista Junularo, A. Neupert, Leipzig-Möckern, Wedellstrasse 17, Germ. 48 paĝoj, 8½×12½ cm. Prezo: 1 leterafranko eksterlanden (Sm. 0,125).

**Talviurheilna Suomessa.** (Vintra sporto en Finnlando). Eld. Kustannusosakeyhtiö Otava, Helsinki. (Albumo de fotografaĵoj kun kvinlingvaj subskriboj.) 32 paĝoj, 18½×25 cm. Prezo: 10 m. finn.

**Esperanto-Albumo de Salzburgo.** Eld. Salzburger Esperanto-Grupo, Salzburg. 6 bildoj (poŝtkartoj kun klarigoj kaj anoncoj). 31½×27½ cm.

**Gvidlibro tra Salzburg,** urbo kaj lando. Eldonis la Salzburg'a landestraro de Aŭstruja Esperanto-Delegitaro. 32 paĝoj, 11½×15½ cm.



**Vin tedas**
**la regula alvoko pri via realiĝo?**
**Ĉu ne estus bone plenumi**
**tiun devon kaj silentigi**
**la admonon?**



 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

# 18-a Universala Kongreso de Esperanto
## kaj Internacia Somera Universitato
### Edinburgo — 31 Julio ĝis 7 Aŭgusto 1926



## BULTENO 2 ☆ 30 JANUARO 1926

*Loka Kongresa Komitato:* Hon. Prezidanto: John Merchant. Prezidanto: W. M. Page, S. S. C. Vic-Prezidantoj: William Rae, S-ino G. Senior. Sekretarioj: J. M. Warden, F. F. A., L. K., William Harvey, I. S. O., L. K. Kasisto: David R. Tullo, S. S. C. Komitatanoj: F-ino Jane Baird, George Dickinson, David Kennedy M. A., Robert Stevenson.

*Adreso por leteroj:* Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, Edinburgo, Skotlando.

*Aliĝiloj:* Disdonitaj pere de Gazetoj (Januara kaj Februara) kaj de naciaj asocioj. Nericevintoj bonvolu peti aliĝilon rekte de la sekretarioj.

*Kotizo:* 20 ŝilingoj britaj = proksimume 20 germ. rmk., 25 svis. fr., 12 nederl. guld., 5 uson. dol. Oportuna maniero sendi la kotizon, estas per brita ŝtatbileto por £ 1 („currency note, one pound"), havebla ĉe bankoj en multaj urboj, kaj sendota per registrita (rekomendita) letero; aŭ per ĉeko per £ 1 : 0 : 3.

*Garantia Kapitalo:* Jam garantiita £ 242.

*Donacoj ricevitaj:* Por ordinara kaso £ 31. Por Blindula kaso £ 8. Por speciala celo £ 60; de du malavaraj samideanoj, sub la ĉifra devizo, „Ŝmizropga tivüut hahome un ĉosopjuh." La unua solvonto de tiu ĉifro ricevos de la donacintoj senpagan kongreskarton.

*Somera Universitato.* Paroladoj ĝis nun arangitaj (senpage por ĉiuj kongresanoj: *Folkloro kaj popolaj kantoj:* Francujo: prof. Th. Cart; Germanujo: S-ro Paul Bennemann; Polujo: S-ro S. Grenkamp-Kornfeld; Rumanujo: S-ro Andreo Ĉe; De Hebreoj: D-ro Immanuel Olŝvanger.

*Lingvistiko:* prof. W. E. Collinson, Liverpool (Esperanto kiel vojo al la lingvoscienco — du prelegoj).

*Medicino:* prof. Odo Bujwid, de la Jagelona Universitato, Krakovo (homo kaj mikroboj*); D-ro Pascal Deuel, Leipzig (1. modernaj sukcesoj en la terapio de ftizo*; 2. pri la plilongigo de la homa vivo).

*Scienco:* D-ro E. E. Fournier d' Albe (temo poste anoncota). S-ro Rinaldo Orengo, antaŭe en la Astronomia Observatorio de Firenze (la suno — du prelegoj*). D-ro Alfredo Stromboli, el Pisa (elektrometalurgio en Italujo*).

*Internacia Laboroficejo* de la Ligo de Nacioj: S-ro C. C. Tarelli, oficiala delegito al la Kongreso, faros du prelegojn pri la I. L.-O. (1. konstitucio kaj celoj; 2. laboro kaj rezultoj).

*Patronoj:* Lia Princa Moŝta la Duko de Connaught afable konsentis esti Patrono de la Kongreso. Sur la listo de patronoj troviĝas ankaŭ la nomoj de la Urbestroj de Edinburgo kaj aliaj urboj, famaj edukistoj, parlamentanoj, ktp.

*Fakaj Kunvenoj:* Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn, por ebligi taŭgajn aranĝojn.

*) Kun lumbildoj.

*Akceptoj:* Sabaton, la 31-an de Julio: Bonveniga akcepto de la Skota Federacio Esperantista kaj de la Edinburga Esperanto-Societo, kaj interkonatiĝa vespero. Filmoj de Skotlando.

Lundon, la 2-an de Aŭgusto: Lia Urbestra Moŝta, la Magistrataro, kaj la Urba Konsilantaro de Edinburgo faros Civitan Akcepton al la kongresanoj.

*Blinduloj:* Laŭ afabla konsento de la Internacia Centra Komitato, Blindaj Esperantistoj povas aliĝi sen pago de kotizo.

*Kongresaranĝoj:* Diversaj koncertoj, senpage por kongresanoj (inkluzive de tutvespera koncerto de la fama ĥoristaro, la „Glasgow Orpheus Choir"). Internacia balo, senpage por anoj, en la plej luksa Edinburga dancejo. Ekskurso tuttaga, jaŭdon, la 5-an de Aŭgusto, al belegaj fjordoj apud rivero Clyde. Vizito al bela Zoologia Parko, kun apartaj privilegioj. Komuna kantado, sub gvido de S-ro Harrison Hill. La Loka Kongresa Komitato bedaŭras, ke estas neeble lui teatron.

*Fervojrabato:* Revenbiletoj de ĉiuj britaj stacioj kaj havenoj al Edinburgo, po $1^1/_3$ de la ordinara unuvoja kosto.

*Loĝado:* Aranĝoj pri loĝado bone progresas. Detaloj aperos en Mendilo baldaŭ eldonota. Fruaj aliĝantoj havos la unuan elekton.

*Ŝparkaso:* Almenaŭ unu Brita Esp-a Grupo starigis ŝparkason, por kolekti ĉiusemajne sumojn, eventuale uzotajn por kongresaj elspezoj. Sekvinda ekzemplo!

---

## Centra Dana Esperantisto-Ligo.
Oficiala raporto.
### Julio-Decembro 1925.

La prezidanto de *„Odense Esperanto-Societo"*, S-ro A. Christensen komunikas, ke pro Ido-afabla artikolo en la revuo „Frem" oni protestis en la loka gazetaro. Por kursoj la Societo ĉe la urbestraro havigis al si senpagan lokon en lernejo. La 10-an de Oktobro okazis granda propagandkunveno kune kun la du pacifistaj societoj kaj „Dansk Skolesamfund." F-ino M. Noll parolis pri „Esperanto en lernejoj." La 12-an de Novembro: publika propagandkunveno. Laŭ intertraktado kun la societo la gazeto „Odense Avis" ĉiusemajne havas Esperanto-kurson en siaj kolonoj. Ĝis la fino de l' jaro 9 lecionoj. Pere de la Societo la loka Fiona gazetaro entute dum la lasta duonjaro enhavis 38 artikolojn kaj notaĵojn pri Esperanto.

*„Aarhus Esperanto-Societo"* per sia prezidanto, S-ro M. Palsberg, raportas, ke oni dum la sezono renkontiĝis ĉe 6 membrokunvenoj por diskuti la plej bonan metodon por efika propagando. Oni ankaŭ ekzercis sin je la parolado de Esperanto, parolante nur tiun lingvon. Grava programpunkto de la Decembraj kunvenoj

estis, ĉu la monstato de la Societo permesos inviti S-ron Andreo Ĉe el Rumanujo al Aarhus. Fine oni decidis jesan respondon kaj atendas lian baldaŭan viziton.

La prezidanto de la nova Societo *„Sonderborg Esperanto-Societo“*, S-ro H. Tobiesen, skribas, ke ĝi fondiĝis la 15-an de Decembro kaj aliĝis al C. D. E. L. Konversaciaj kunvenoj okazos la 1-an kaj la 3-an lundon de la monato.

En *„Grenaa Esperanto-Societo“*, kies prezidanto estas S-ro M. Mammen, oni ankaŭ laboris fervore. Ĉe la urba lerneja komisio oni havis permeson aranĝi vesperan Esperanto-kurson en lernejo. La loka „Turista Societo“ eldonis pri Grenaa broŝuron, kiu ankaŭ enhavas kelkan Esperanto-tekston. Kontraŭ unu respondkupono la broŝuro estas senpage havebla ĉe la societo. Cetere oni komencis la preparojn pri la espereble sukcesplena aranĝo de la jarkunveno de „Centra Dana Esperantista-Ligo.“ Ĝi okazos dum la pentekostaj tagoj. Eksterlandaj samideanoj estas ankaŭ tre bonvenontaj. Post la Aarhusa vizito S-ro Ĉe estas invitita al Grenaa.

Pri la laboro de *„Societo de Danaj-Esperantistoj“* Kopenhago mi redonas la vortojn de ĝia prezidanto, F-ino M. Noll: „Konsiderante ke ekspozicioj estas pli efikaj nuntempe ol kunvenoj, la societo ŝparis sian monon por aranĝado de granda ekspozicio dum Januaro. Dum la pasinta aŭtuno kaj vintro oni nur propagandis elsendante diversajn propagandilojn, ekz. „Eldiroj de konataj viroj pri Esperanto“, kaj al komercaj gazetoj kaj komercistoj estis sendataj foirkatalogoj, reklamoj ktp. La filologia-historia laboratorio de la universitato ricevis donace de la societo kolektaĵon de speciale filologiaj kaj historiaj verkoj pri nia lingvo.

Fine S-ro G. Hinrichsen, prezidanto de *„Konversacia Esperantista-Klubo“*, Kopenhago, raportas jene: „Post la somera ripozo K. E. K. rekomencis siajn kunvenojn la 3-an de Septembro. Tiun vesperon F-ino H. Nickel el Potsdam, vigle aplaŭdite, parolis pri la „Esperanto-movado en Germanujo.“ La 1-an de Oktobro S-ro M. Blicher raportis pri la „Universala Kongreso de Esperanto en Genève“, montrante belajn lumbildojn. La 15-an de Oktobro S-ro P. Neergaard rakontis pri sia bicikla veturado al la kongreso en Genève. La 5-an de Novembro S-ro H. Arsöe parolis pri „Kelkaj similaĵoj inter la ĥina kaj la esperanta lingvoj.“ La 19-an de Novembro F-ino A. Mikkelsen komencis diskutadon pri „Superstiĉo“. La 17-an de Decembro okazis „Kristnaska festo“, kies aranĝon la membroj de „Esperanto junularo“ estis preninta sur sin. La festo estis sukcesa. Oni ricevis ĉion, kion oni povas deziri: paroladojn, kantojn, bele ornamitan kristarbon kaj multe da frandaĵoj.“

*Martin Blicher,*
Prezidanto de „C. D. E. L.“

## 15. Germana Esperanto-Kongreso
### München — Pentekosto 1926.

De la 22-a—25-a de majo 1926 okazos la Germana Esperanto-Kongreso en München.

Provizora programo.

21. 5. (Vendredo). Vizito al Löwenbräu, se sufiĉe de partoprenantoj sin anoncos por tio.

22. 5. (Sabato). Gvidadoj tra la urbo en porfremduloj aŭtomobiloj. Vespere: interkonatiĝa vespero en Hofbräuhaus.

23. 5. (Diamanĉo). 9 a: fakkunsidoj
11 a: solena malfermo en la urbdoma salonego
$1^1/_2$ a: komuna tagmanĝo en hotelo Wagner
$3^1/_2$ a: laborkunsido
8 a: parolado de S-ro Niŝimura(?)

24. 5. (Lundo) 8 a: fakkunsidoj
$9^1/_2$ a: vizitado al Germana Muzeo
3 a: laborkunsido kaj fino

25. 5. (Mardo). Ekskurso al Garmisch-Partenkirchen je la 8 a: propagandparoladoj

La kongresa kotizo estas 5 gmk., por samfamilianoj po 3 gmk. Anoncu vin tuj, ĉar ĉiu el la cent unuaj sinanoncantoj pagante la normalan kotizon (ne preferan) donace ricevos kiel memoraĵon ĉarman HB (Hofbräuhaus)-Kruĉeton.

Sinanoncojn kaj informpetojn, ankaŭ monsendojn oni adresu al *Esperanto-Verband München, Lindwurmstraße 145/1.*

## Letero el Tokio.

Japana-Asocio por la Ligo de Nacioj akceptis Esperanton!

Studento-grupoj de Japana-Asocio por la Ligo de Nacioj el 13 kolegioj kaj universitatoj en Tokio malfermis kvazaŭ ĝeneralan kunvenon je la 10a kaj 11a tago de Oktobro, 1925, ĉe la sidejo de l' Asocio. 13 studento-grupoj reprezentis ĉiujn naciojn aliĝantajn al la Ligo de Nacioj.

La 11an matene, oni malfermis la kunvenon de la IIa Komisiono. Ĉe la kunveno, inter diversaj proponoj, delegito el Bulgarujo proponis Esperanto-problemon, kiun la saman ankaŭ faris delegitoj el Salvadoro, Hindujo kaj Nikaraguo. La Komisiono akceptis la proponon per la plej multo da voĉoj. La teksto de la propono estas jene:

I. Membriĝantaj Nacioj uzu Esperanton por internacia komunikado kaj komprenado.

II. Post decidota periodo, Esperanto estu la sola oficiala lingvo ĉe la Ligo de Nacioj kaj estu uzota je ĝenerala kaj aliaj diversaj kunvenoj, eldonaĵoj, raportoj, registro de kontraktoj kaj aktoj ktp.

III. Registaro de membriĝantaj nacioj donu permeson aŭ ordonon por Esperanto-instruado en lernejoj kaj klopodu por edukado de Esperanto-instruisto.

De la 14a horo, la ĝenerala kunveno estas malfermata. Post raportoj de l' proponoj akceptitaj en la Ia kaj IIa Komisionoj, viglaj demandoj, sensaciaj diskutoj konstante daŭris kaj aŭskultigis la ĉeestantaron atenteme. Iuj proponoj mizere malakceptitaj, la aliaj unuanime akceptitaj. Jen prezidanto vokis delegiton el Bulgarujo por raportigi pri la propono. La delegito rakontis la procedon ĉe la komisiono kaj petis la unuaniman subtenon al ĉiuj ĉeestantaj delegitoj. Stariĝis pola delegito, kiu salutis, en la nomo de la naskiĝlando de nia Zamenhof, al la kunveno kaj rememorigante al la ĉeestantaro pri la interna ideo de Esperanto, petis la nepran akcepton. Poste, kiu subtenos la aferon? Prezidanto prezentis vicdelegiton de Francujo. Lia parolado estas jena: nia antaŭa ministraro konservativa volis protekton de nia nacilingvo kaj malhelpis Esperanto-movadon tre malsaĝe. Sed nun ne estas tempo bari la intelektan movadon tutmondan. Mi kredas, ke eĉ post Esperanto-akcepto kiel internacia lingvo, nia tradicia franclingvo, kies rolo estis tiel glora sur civilizacio, neniel malprosperiĝos kaj neniel rompiĝos. Sur la fundamento de lingva egaleco, sub la vidpunkto de solvo de lingva malfacileco inter diverslingvanoj, mi havas grandan honoron subteni la proponon ktp. Jam eĉ franca delegito subtenis! Post Esperanto-akcepto, japana popolo ricevos langon por internacia kompreno kaj solvos lingvan malfacilaĵon, tiel dirinte japana delegito antaŭĝojis la akcepton. Finna delegito petis al ĉiuj delegitoj la subtenon post la raporto de Esperanto-movado sialanda. Preskaŭ ĉiuj delegitoj jam estas favoraj al la propono. Subite ekstariĝis delegito el Britujo. Post kontraŭdiro al Esperanto-uzado kaj neinda dubo de ĝia vivo kiel vivanta lingvo, li

aprobis la belan ideon de la artefarita lingvo. Kiu instruos la kompatindan delegiton? Por unuanime akcepti la proponon, oni devas senigi la tradician, „gloran solecon“ de Brita delegito. Delegito el Brazilio aperis, kaj penetre rompante la malkleran opinion, li altvoĉe deklaris sian ĝismortan subtenon de Esperanto. Longa diskutado jam finiĝis. Prezidanto petis stariĝon de l' akceptantoj de l' propono. Ho! neniu delegito restas sidanta! Ĉiuj delegitoj certe unuanime, vere unuope subtenis!! aplaŭdo, aplaŭdego el ĉiuj anguloj de la granda kunvenejo. Eĉ krietoj pro ĝojego aŭdiĝis. Tra la aero flugados harmonieco. El la koro elfluis ĝojeco. Multaj samideanoj batalis kaj bataladis por la akcepto de Esperanto en la kunveno. Post longa semado, post obstina pacienco nun ni rikoltis la rezultaton sopiratan. Kiam ni povos ĝui tiun ĉi ĝojegon ĉe le vera kunveno de l' Ligo en Genève?

*Susumu Aibara,*
Sekretario de la kunveno.

---

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

**Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève**

### Land- kaj Fakorganizoj.

Ni ripetas nian peton al ĉiuj organizoj bonvole starigi konstantajn rilatojn kun ni. Ni atentigas samtempe pri niaj informoj en antaŭaj numeroj de „Esperanto“.

### Cirkuleroj.

Intertempe ni forsendis la cirkulerojn N-ro 3 kaj 4. La koncernaj personoj nericevintaj ilin pro iu kaŭzo bonvolu nin tuj informi. Granda nombro da organizoj ankoraŭ ne respondis al la diversaj cirkuleroj. Por bona funkcio de niaj komunaj laboroj rapida respondo estas necesa.

### Adres-ŝanĝoj.

Ni petas tuj komuniki al ni adres-ŝanĝojn por certigi akuratan sendadon de niaj cirkuleroj ktp.

### Korespondantoj de I. C. K.

Ni tre volonte ricevos adresojn de gesamideanoj, kiuj emos fariĝi korespondantoj de nia komitato. La rolo de korespondanto estas tiu de meceno de nia komitato. La jara kotizo estas 100 svisaj frankoj.

Intertempe aliĝis ankoraŭ:

26. S-ro Paul Linares, Córdoba.
27. S-ro Chas. S. Taylor, Haverford, Pa.
28. S-ro N. Bolill, Palma de Mallorca.
29. S-ro D-ro Brémon, Barcelona.
30. S-ro P. J. Vermass, Rotterdam.
31. S-ro P. Bouvier, Genève.

Por atingi 100 mankas do ankoraŭ 69 aliĝoj.

### Donacoj.

Kelkaj samideanoj, kiuj ne povis aliĝi, bonvolis tamen sendi mondonacon. Kun aparta danko ni kvitancas tie ĉi la ricevon de la sumoj:

| | | |
|---|---|---|
| S-ro H. R. H. Coxe, Broadstone, Angl. | 25.— | sv. fr. |
| S-ro O. Sandrock, Essen | 12.50 | „ „ |

Pluajn donacojn, speciale por aperigo de ŝlosiloj en ekzotikaj lingvoj, ni danke kvitancos tie ĉi.

### Radio-statistiko.

Pli ol duono de la ricevintoj de l' demandaro ankoraŭ ne respondis. Tiu, kiu ne respondas al ni, malhelpas nian laboron. Ni do petas pri tuja plenumo de nia peto.

### Fabrikmarkoj en Esperanto.

Ni petas sciigi al ni fabrikmarkojn kaj varnomojn kun Esperantonomo kaj sendi al ni 2 ekzemplerojn de eventualaj presaĵoj en Esperanto, por ebligi statistikon demanditan de ni de interesitaj praktikuloj.

### Gazeta statistiko.

Ĝis kompilo de tiu ĉi statistiko alvenis ĉe ni artikoloj en la sekvantaj lingvoj:

| | |
|---|---|
| angla | 12 |
| ĉeĥa | 3 |
| dana | 3 |
| franca | 19 |
| „ (Svislando) | 14 |
| germana „ | 18 |
| hispana | 11 |
| itala | 14 |
| irlanda | 1 |
| jida | 1 |
| kataluna | 2 |
| nederlanda | 2 |
| portugala | 1 |
| entute | 101 en 12 lingvoj. |

La *gazetarajn servojn* en la diversaj landoj ni petas, afable sendi al ni siajn monatajn ciferojn, indikante la nombron de notoj, gazetoj kaj aperlokoj.

Ĝis nun respondis al nia peto nur la servoj de Germana Esperanto-Asocio, Hungarlanda Esperanto-Societo kaj Esperanto-Centro Rumana.

En *Januaro* aperis:

| | | | |
|---|---|---|---|
| en Germanujo | 490 art. | en 41 gazet. | ? urboj |
| en Rumanujo en rum. lingvo | 7 „ | „ 5 | „ 1 „ |
| en „ en hung. „ | 3 „ | „ 2 | „ 1 „ |

Interesan konstaton permesas la *jara statistiko de du landoj en 1925:*

en Germanujo aperis entute 3071 artikoloj en 366 gaz. de 155 lokoj
en Hungarujo „ „ 807 „ „ 72 „ „ 18 „

*Rob. Kreuz, Ĝen. Sekretario.*



◆

# LINGVAJ STUDOJ

## Enkonduko al la fonetiko*)

*de P. Stojan.*

*

(En tute simplaj vortoj ni penas ĉi tie konigi al nia legantaro la ĉefajn trajtojn de la fonetiko, ĉar tiu scienco estas ĝis nun preskaŭ nekonata por la plimulto).

**Fiziologia bazo.** La parolo estas produktata de la elspiro kiu venas el pulmo, tra la laringo, kaj poste tra la buŝo, aŭ tra la buŝo kaj nazo samtempe. Sur sia vojo la elspira aero renkontas diversajn barojn, kiujn ĝi vibrigas aŭ kiuj ĝin vibrigas. Unue ĝi vibrigas la kordojn (voĉ-kordojn) kiuj estas parto de la laringo. Poste ĝi diversmaniere vibrigas aeron de la buŝo (kaj de la nazo), kaj fine ĝi produktas specialan sibladon aŭ brueton, ĉe la dentoj kaj lipoj. Kelkafoje ĝi haltas, pro la fermo de la voĉa kanalo, kaj poste eksplode eliras, ĉe la malfermo. Tiel produktiĝas eŭropaj p, b, k, g, t, d . . . kaj afrikaj klaksonoj, por kiuj oni elpensis specialajn literojn. Pro la nazkataro, kiam la naza kanalo ne estas libera, pro la mankaj dentoj, ekz. ĉe maljunuloj, la parol-sonoj rimarkeble aliiĝas. Nerva malsano povas aliigi funkciadon de la lango-muskoloj, kaj oni aŭdas tion kiel „balbuton.“ Lango, dum la parolo, jen tuŝas — jen proksimiĝas la dentojn kaj la palaton; ĝi ankaŭ ŝanĝas sian formon; el ĉio tio rezultas granda variaro de sonoj.

**Paroleroj.** Por detale studi la parolon la fonetistoj distingas en ĝi elementojn, erojn, kiuj reale neniam ekzistas izole. Ekzemple parolero *k* ekzistas en vortoj *kato, akra, baki, dek,* sed izola ĝi estas nur la artefarita elemento, nur la konvencia oportunaĵo por la studo. Francaj fonetistoj nomas „paroleron“ — *son du langage, phonème,* la germanaj — *Sprachlaut.*

**Silaboj.** Post la speciala studo de izolaj sonoj la fonetisto restudas ilin en la kombinaĵoj, nomataj „silaboj“, ekz. *ba, eg, oj.* Ekzistas lingvoj en kiuj la silabo ne ĉiam postulas vokalon por sia ekzisto; en serba *trg,* sanskrita *vrkas, r* estas „vokalo;“ ankaŭ en la germana kaj angla kelkafoje *r, n, l* sonas vokale.

**Vortoj.** La silaboj estas artekreitaj elementoj de la vortoj, kiuj prezentas precipe ideajn unuojn, ne ĉiam klare distingeblajn en ilia fraza kunligiteco.

**Frazoj.** La vortoj ankaŭ estas arte faritaj elementoj de la frazoj, kiuj solaj reale estas unuaj, vere ekzistantaj, eroj de la parolo. Post la detala studo de paroleroj, silaboj kaj vortoj, la fonetisto fine ekstudas la frazojn, kies tono, akcento, mezuro, intenso, povas varii laŭ la emocio, penso kaj deziro.

**Ĝeneralaj trajtoj de l' artikulado.** Kiam ni parolas ni vibrigas la elspiratan aeron per la voĉorganoj, kiuj senĉese ŝanĝas sian reciprokan pozicion. Iliaj movoj, kiuj ĉiufoje determinas la pozicion, estas nomataj *artikulado.* Unu daŭra krio, bleko, fajfo aŭ muĝo, tre ordinara ĉe la bestoj, estas produkto de unu „artikulo“. Sed la homa parolo konsistas en longa kaj varia serio da artikuloj, en la artikulado, kaj en tio kuŝas ĝia esenca karaktero. La artikulantaj voĉorganoj estas parte movaj, parte senmovaj. La unuaj estas: lipoj, vangoj, suba makzelo, lango, palata velo, laringo; la duaj: supra makzelo, palato, naza kavo. Por produkti unu izolan sonon la organoj forlasas sian ripozstaton (neŭtran pozicion), do ili ekmovas, okupas la necesan pozicion kiu pli-malpli daŭras dum la sonado, kaj fine ili removas por reveni al la antaŭa ripoz-stato. Tiu artikulado estas — el anatomia kaj fiziologia vidpunkto — treege komplikita operacio eĉ por unu simpla vokalo. Por faciligi la studon oni (konvencie) distingas en tiu operacio tri partojn, t. n. „tri fazojn de la artikulado“:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *alteno,* | tension, | initial glide, | Einsatz, | nastav. |
| *teno,* | tenue, | — | — | stav. |
| *forteno,* | détente, | final glide, | Absatz, | otstav. |

Plej ofte estas la teno kiu ĉefe rolas por la artikulata sono. Por produkti vorton konsistantan el du sonoj, la voĉorganoj ne movas sin en la *ses* fazoj, sed nur en la *kvin,* ĉar lasta fazo (forteno) de la unua sono koincidas kun unua fazo (alteno) de la dua sono. Sammaniere la trisona vorto enhavas *sep* fazojn anstataŭ la *ok,* ktp. Ĝenerale, kiam ni elparolas vorton aŭ frazon, la artikulado funkcias senrompe, flue, tiamaniere, ke fino de ĉiu sono koincidas kun komenco de la sekvanta, koincidas en unu sama movo. Sube, por fiksi la ideojn, ni havas skemon pri la artikulado de tri izolaj sonoj, kaj fine de unu trisona vorto. La grandaj literoj ĉiam signas la *tenon:*

| elparolaĵoj | | artikulada skemo |
|---|---|---|
| a | = | a + A + a |
| m | = | m + M + m |
| o | = | o + O + o |
| amo | = | a + A + am + M + mo + O + o |

La sep fazoj de la elparolata vorto *amo* do estas jenaj: tri *tenoj* (AMO) kiuj estas klare aŭdeblaj kiel konata songrupo (vorto „amo“); du *transiroj* (am, mo) kiuj ne okazas abrupte, sed flue, pere de intermezaj artikulaĵoj, ĝenerale neaŭdeblaj, neatentataj, signitaj ĉe ni konvencie per la duoblaj literoj; komenca a kaj fina o prezentas la komencan ekmovon (sen sono) kaj la finan remetan movon (ankaŭ sen sono) de la organoj. La tri fazoj de la artikulado ekzistas por vokaloj kaj por konsonantoj, do por ĉiuj parolsonoj. Sed oni ne konsideru, ke tiuj tri fazoj sufiĉas por komplete kaj precize prezenti la artikuladon tia, kia ĝi reale funkcias. Reale la artikulado konsistas en senlima nombro da kontinuaj movoj, flue sekvantaj unu post alia.

Por la legantoj, kiuj ne tute klare komprenas la konvenciaĵojn de la scienca metodo, ni faros komparon inter la fazoj de la artikulado kaj la fazoj de la luno. En kalendaroj oni notas *kvar* lunfazojn: Novluno, Unua kvarono, Plenluno, Lasta kvarono. Sed ĉiu bone komprenas, ke inter la Novluno kaj la Unua kvarono, inter tiuj du fazoj — reale ekzistas senrompa gradaro, en kiu, laŭplaĉe, oni povas distingi intermezajn fazojn, tri, kvin, sep, dudek k. c. Alivorte, ni atentigas, ke la terminoj de la metodo neniel elĉerpas la riĉan enhavon de la realaĵo, kaj ke la konkludoj de la scienca esploro estas fatale limigitaj de la konvenciaĵoj. La lingvistoj, kiuj ne konsideris tiujn ecojn de la scienca metodo, estis irantaj sur erara vojo, kaj eldiris asertojn, kiujn kontraŭdiris la preciza observado. Poste, parolante pri la „afrikatoj“, ni ree tuŝos la delikatan demandon pri la fonetika metodo.

**Vokaloj.** Elementaj gramatikoj difinas la vokalon kiel sonon kiu necesas por formi la silabon. Tiu formala difino estas ĝusta por kelkaj lingvoj, por la aliaj ĝi estas malĝusta. Nuna scienca fonetiko difinas la vokalon kiel paroleron (fonemon) kun muzika tono, plifortigita de la resonado; laŭ fiziologia vidpunkto la vokalo estas parolsono produktata de la voĉorgano, kies kanalo restas sufiĉe larĝa por ke ne aperu aŭdeblaj bruoj. Ĉiu vokalo estas unu ĉefa muzika sono, akompanata de pluraj malfortaj supersonoj kiuj havigas la *tembron* de la vokalo. Se oni konsideras tembron de la vokaloj, oni povas ilin vicigi kiel muzikan gamon. Iliaj vibradoj ja povas esti nombre mezuritaj, kiel ĉiu akustika sonoro.

(Daŭrigota.)

*) Daŭrigo de la artikolo el la februara numero.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Francland: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Kunveno en Locarno.** — La estraro de UEA konigis la inviton de la Internacia Centra Komitato al komuna laborkunveno en Locarno al la komitatanoj. Ĝi siavice invitas la personojn pretaj je partopreno sin anonci tuj por faciligi la preparon.

**Ŝanĝo de tarifo.** — Ni informas la delegitojn kaj anojn de UEA en Britlando, Aŭstralio, Irlando kaj Pollando pri modifo de la nacia prezo de l' kotizoj:

| | M | MA | MS |
|---|---|---|---|
| Aŭstralio | 4 ŝil. | 10 ŝil. | 20 ŝil. |
| Britlando | 4 „ | 10 „ | 20 „ |
| Irlando | 4 „ | 10 „ | 20 „ |
| Pollando | 6 zlot. | 12,50 zlot. | 40 zlot. |

Al la anoj en Aŭstralio pagintaj laŭ malnova tarifo ni sendas kiel kompenson esperantan literaturaĵon laŭ nia elekto.

**Novaj delegitoj:**

**Alessandria,** Italio, Piemonte. D. S-ro Giovanni Ferraris, mekanikisto, Via Vecchia Bagliani - 6, Cristo.

**Altzedlisch,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Steinsdörfer, instruisto, Altzedlisch-Westböhmen.

**Barnoldswick,** Britlando, Yorkshire. D. F-ino Ethel Mallinson, 30 Edmondsen Str.

**Bergamo,** Italio, Bergamo. D. S-ro Seriate Giacinto Gambirasio, librotenisto, Seriate.

**Bergedorf,** Germanio, Hamburg. D. S-ro Peter Block, instruisto, Ob. Landweg 85.
VD. S-ro Wilhelm Kather, instruisto, Jungfernstieg 8.

**Bergersdorf,** Ĉeĥoslovakio, Böhmen. D. S-ro Richard Theml, instruisto, Bergersdorf p. Schlappenz.

**Bistrica-Bisterza,** Italio, Venezia Giulia. D. S-ro Milan Hreščak, komercisto, Bisterza.

**Brasov,** Rumanio, Trans. D. S-ro Heinrich Arn. Westen, librotenisto, Villa Frâncu, Str. Fabrica 8.
VD. S-ro Josef Teleky, studento art., Ĉurmatura 27.

**Brindisi,** Italio, Lecco. D. S-ro Teodoro Fantasia, lignaĵisto, Via Lata 127.

**Bury,** Britlando, Lancash. D. S-ro Bert Schofield, dompentristo, 75 Hurst Str.

**Bzenec,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Jaroslav Vavruša, komerckomizo, No. 80, c|o S-ro Antl.
VD. S-ro Robert Plšek, lernanto, Náměstí.

**Catania,** Italio, Catania. D. S-ro Pietro Rizzo, universitata studento, S. S. Trinità 62.

**Česká Lípa,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Vojtěch Koláček, fervojoficisto, Nádraží.

**Chipka,** Bulgario, Kazanlik. D. S-ro Andrej N. P. Baraĵist, instruisto, učitel selo Chipka.
VD. S-ro Danĉo Iv. Danov, muelisto, selo Chipka.

**Città della Pieve,** Italio, Perugia. D. S-ro Annibale Francisci, instruisto, „Villa Beatrice".

**Clitheroe,** Britlando, Lancashire. D. S-ro William Brierley, sanitara kaj ĥemia mastro, 1 Brook Street.

**Coligny,** Franclando, Ain. D. D-ro Louis Poncet, kuracisto.

**Corsham,** Britlando, Wilts. D. S-ro Herbert Spackman, fotografisto kaj muzikisto, Priory Str.

**Cuyk,** Nederlando, Noord-Brabant. D. S-ro Firminus Severyns, krucordenano, St. Agatha.

**Delft,** Nederlando, Zuid-Holland. D. S-ro Eduard Joh. Veldhuyzen, studento, Molslaan 61.

**Domašín,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Alois Štěpán, lernejestro, Domašín apud Vlašim.

**Dubí,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. F-ino Božena Vlčková, oficistino, Dubí č. 110., p. Vrapice u Kladna.

**Dupnica,** Bulgario. D. S-ro Ljuben Ĉomakov, instruisto, učitel.

**Ellamaa-Vaksal,** Estonio, Sooniste vald. D. S-ro Mihail Grigorjev, oficisto.

**Forst,** Germanio, Brandenb. D. S-ro Georg Petschke, meĥanikisto, Heidestraße 21.

**Foochow-City,** Ĉinio, Fukien. D. S-ro Seanchi Fu, profesoro, 12 Lung Shan Hsiang.

**Frýdek,** Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro František Golasowski, komercisto, Těšínská ulice 14.

**Gilly,** Belgio, Hainaut. D. S-ro Alfred Defrane, konumuna oficisto, 178 Chaussée de Montigny.

**Groningen,** Nederlando. D. S-ro Jean Martin Bakker, komercisto, Pottebakkerstyge 8.
VD. S-ro Wietze Keuning, instruisto, Jan Lutmastraat 9.

**Habelschwerdt,** Germanio, Silezio. D. S-ro Karl Kliem, financoficisto, Pforternstraße 100.

**Halberstadt,** Germanio, Preußen. D. S-ro Hans Berthold, komercisto, Friedenstraße 12.

**Hirtenberg,** Aŭstrio, Nieder-Oesterreich. D. S-ro Heliodor Zawichowski, fotografisto.
VD. S-ro Viktor Rais, stud. techn.

**Hlinsko v Čechách,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Oldřich Rašín, oficisto, Občanská záložna.

**Höhscheid,** Germanio, Rheinland. D. S-ro Walter Geffchen, faklaboristo, Katternberg 3.
VD. Willi Reis, poŝtoficisto, Aufderhöherstr. 67.

**Juazeiro,** Brazilo, Bahia. D. S-ro Jayme Martins de Souza, civilinĝeniero.

**Kamenz,** Germanio, Sa. D. D-ro Walter Reichel, instruisto, Kasernenstr. 32.

**Kaposvár,** Hungario, Magyar. D. S-ro Sándor Szalay, libropresisto, Cseri ut. 21.

**Kežmarok,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Jozef Michalský, ŝtata oficisto, Starý trh 34, župa podtatranská.

**Kroměříž,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Robert Haynisch, ekskapitano, Jánská 26.

**Kunštát na Moravě,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Petr Brablec, keramikisto.
VD. F-ino Henja Brablecová.

**Laren,** Nederlando, Noord-Holland. D. S-ro H. W. G. Cenijn, administra kaj ekonomia eksperto, Ruiterweg 15.

**Le Mans,** Franclando, Sarthe. D. S-ro François Joseph Lebatteux, helpa profesoro, 15 Bis Av. o' Alençon.

**Lešna Podlaska,** Pollando, Woj. Lubelskie. D. S-ro Teofil Adam Koziara, direktoro de seminario.

**Lodelinsart,** Belgio, Hainaut. D. F-ino Ida Brassine, komerca oficistino, 54 Rue du Tarry-Mouchon.

**Logatec,** Sudslavio, Slovenio. D. S-ro Franc Kranjc, komizo, No. 47.

**Lučatín,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Bohumil Holý, fervojoficisto.

**Maribor,** Sudslavio, Slovenio. D. S-ino Priska Haas, advokata vidvino, Sodna ul. 14.

**Minchinhampton,** Britlando, Gloucester. D. F-ino Jane B. Partridge, eks-instruistino, Wellfield.

**Natchitoches,** U. S. A. Louisiana. D. S-ro J. G. Haupt, profesoro.

